HAMBURG Esperanto

3/1991

Aúgusto/Septembro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.



La malnova Germana Parlamentejo (Reichstag) en Berlin. (foto: arĥivo)

# Gratulon al Berlin

## Post 46 jaroj denove libere elektita Germana registaro en Berlin

La 20-an de Junio 1991 la Federacia Parlamento de Germanio decidis translokiĝi al Berlin. Dum la antaŭaj semajnoj oni arde diskutis, ĉu iri al Berlin aŭ resti en Bonn. La subtenantoj de Bonn atentigis pri la grandaj kostoj de la translokiĝo. La monon oni pli bone povus uzi por evoluigi orientan Germanion. Krome la federalismo endanĝeriĝus pro la centraliga efiko de la metropolo. La subtenantoj de Berlin taksis pli grava la fakton, ke Berlin ĉiam estis Germana ĉefurbo, kaj nur pro la sekvoj de la milito la registaro iris al Bonn. Dum la pasintaj 40 jaroj politikistoj el ĉiuj partioj asertis, ke Bonn nur estis provizoraĵo. La necesaj elspezoj estu rigardataj kiel investoj por orienta Germanio. Pri la federalismo devas zorgi la politikistoj, sendepende ĉu Bonn aŭ Berlin estos la ĉefurbo.

# El la redakcio

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto:** *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
*Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26*
*✆ (040) 2 50 30 65*
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro:** *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika Aranĝo:** *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Produktado de originaloj:** *TIGGYSOFT*
*Brookdeich 13, 2050 Hamburg 80 ✆ (040) 7 21 20 05*

## Ni aúdis ...

... ke denove aperis strangaj rakontoj pri nia klubejo. Jam antaú pli ol 10 jaroj oni profetis bankroton de la klubejo, kaj poste oni suspektis misuzon de membro-kotizoj por aĉeti gastejajn seĝojn. Post kiam tio evidentiĝis kiel mensogo, aperis la onidiro, ke la estrino de la klubejo persone gajnas el la kantino. **Tial ŝi laboris 10 horojn por gajni 20,- markojn!** Sed ne finiĝis la skandalo: Nun oni aúdas ke dum la ĵaúdaj vesperoj ĉiam nur venas kvin personoj. Krome, antaú kelkaj semajnoj iu kompatinda klubano devis pagi 6,- aú 8,- markojn por simpla botelo da mineral-akvo! **Ni ne scias, al kiu li pagis tiom altan prezon.** Laú nia prezlisto oni nur pagis 2,- markojn dum la pasintaj jaroj kaj nun devos pagi 2,50 markojn por 0,7 litro. **Jes ja, la Hamburga klubejo ekzistas per konsumado de manĝaĝoj kaj alkoholaĵoj –** ***certe ne de unu botelo da akvo dum tuta klubvespero!*** Feliĉe oni planas novan Esperanto-klubon – **por ne-alkoholuloj.**

## Sentenco

**En ĉiu supo eblas trovi haron – oni nur devas sufiĉe longe skui la kapon!**

---

**In jeder Suppe läßt sich ein Haar finden – man muß nur lange genug mit dem Kopf schütteln!**

## Pardonon!

En *Esperanto Hamburg* 2/91 aperis la nomo *Antaúpomeranio.*
Estas malĝuste. La Zamenhofa formo estas *Pomerio.*

**Ni bedaúras tiun eraron!**

Tamen ni ne estis la solaj kiuj uzis la malĝustan vorton, sed eĉ en la *Ora Rajdanto* el Schwerin ni retrovis ĝin, kvankam ili devus scii la ĝustan nomon de sia lando.

*Benno Klehr*

# Oficialaj informoj



# Eksterordinara membro-kunveno

La estraro de Hamburga Esperanto-Societo r. a. kunvokas eksterordinaran membro-kunvenon la 26-an de Septembro 1991 je la 20-a h en la klubejo, Klaus-Groth-Straße 95, 2000 Hamburg 26.

Sola punkto de la tagordo:
**Scientologio kaj Esperanto en Hamburg** (vidu sube).

*La estraro*

---

Der Vorstand des Esperanto-Vereins Hamburg e. V. beruft hiermit eine außerordentliche Mitgliederversammlung ein, am 26. September 1991 um 20.00 h im Vereinshaus, Klaus-Groth-Straße 95, 2000 Hamburg 26.

Einziger Tagesordnungspunkt:
**Scientology und Esperanto in Hamburg** (siehe unten).

*Der Vorstand*

---

## Kaúzoj por la kunvoko

Dum kelkaj monatoj aktivas du membroj de *Scientology Church* en la Hamburga Esperanto-Movado. Ĝis nun ili neniel klopodis varbi en la klubejo por Scientologio. La fakto, ke tiu organizaĵo havas malbonan renomon kaj al multaj esperantistoj ŝajnas danĝera jam kaúzis diversajn demisiojn kaj eksmembriĝojn en Hamburg.
**La estraro de HES ne sola povas solvi la problemon; pro tio la membro-kunveno.**

## Gründe für die Einberufung

Seit einigen Monaten sind zwei Mitglieder der *Scientology Church* in der Hamburger Esperanto-Bewegung aktiv. Bis jetzt versuchten sie nie, im Klubhaus Werbung für Scientology zu machen. Die Tatsache, daß diese Organisation einen schlechten Ruf hat und viele Esperantisten sie für gefährlich halten, führte schon zu mehreren Rücktritten und Austritten in Hamburg.
**Der Vorstand kann dieses Problem nicht allein lösen; deshalb diese Mitgliederversammlung.**



# Enklubejaj laboroj en Majo

**Laú la planoj** ni starigis 4 m da novaj ŝrankoj kun unuecaj surfacoj (labortabloj), 3 m da ĉe-muraj ŝrankoj, 3 fridujojn, 1 frostujon, 1 teler-lavatoron kaj 1 fornelon. Krome ni planis farbi la kuirejon, meti novan plankaĵon, instali 2 lampojn, 6 kontaktujojn kaj specialan instalaĵon por la teler-lavatoro. Ni ankaú forĵetis ne plu bezonatajn aĵojn. **Sed nia laboremo ne havis limon!** Krome ni konstruis 3 bretarojn por mikroondiloj, spicoj kaj brandoj, fiksis vesto-hokojn el ligno, bretojn por fermi truojn kaj kurtenon en la malgranda ĉambro, kaj forigis malnovajn ferajn stangojn en le necesejoj. Sekvis farbigo de salono, koridoro, ŝtuparejo kaj necesejoj. En la necesejoj nun ankaú estas novaj plankaĵo, spegulo, paperujoj kaj seloj. Ĉe la bufedo nun estas sving-pordoj kaj en la kuirejo nova telefono, 2 novaj kafo-maŝinoj, akvo-filtrilo kaj 2 novaj grandaj rubujoj.



**La nova aspekto de nia kuirejo.** (foto: Benno Klehr)

Ni laboregis sesope dum naú tagoj kaj sukcesis plibeligi la tutan klubejon kaj ekipi la kuirejon per modernaj teknkaj aparatoj. La novaj fridujoj kaj frostujo estas pli bone izolitaj kaj ne konsumas tiom da kurento kiel la malnovaj. Novaj lampoj sub la supraj ĉe-muraj ŝrankoj lumigas la labortablon. Antaúe jam du laborantaj personoj ĝenis unu la alian kaj nun eĉ kvin povas libere labori.




**Krome ni ĝojas** pri malavaraj donacoj de membroj:
Vest-hokoj de ***Jürgen Wulff***.
Polvo-suĉilo (nomata *"Karlchen"*) de ***Gerd Tigges*** kaj ***Volker Kraeft***.
Teo-maŝino de ***Hannelore Brunow***.

## Ni ankaú dankas al ĉiuj mon-donacintoj.

*Benno Klehr*



# El nia klubo

# Ĉe-Ellen-Ir-Tago 1991

La ĉi-jara Ĉe-Ellen-Ir-Tago (9-a de Majo), kiun ni festis memore al Ellen Eggers, nia mecenatino, estis denove tre bela, laŭ ŝia gusto. Kiel pasintjare ankaŭ ĉeestis gastoj el Schwerin.

La kuirejo ofertis menuon laŭ ĉina stilo, konsistanta el printempa rulaĵo, kokidaĵo kun freŝaj fungoj, ekzotikaj legomoj kaj rizo, poste glaciaĵo kun liĉioj, kiu estis preparita de Gerd Tigges kaj Volker Kraeft, krome Elsbeth Wielgus, Benno Klehr kaj Hannelore Brunow. Burkhard Mohrig prizorgis la trinkaĵon.

Post la komuna tagmanĝo ni veturis per metroo al la Esperanto-Arbo (kiu ankoraŭ ne havas novan ŝildon). En tiu ĉi jaro ni vere vizitas la ĝustan arbon! De tie ni promenis al alia metroa stacio, de kie ni reveturis al la klubejo. Ni uzis "familiajn biletojn" kaj survoje ŝerce diskutis, kiu kun kiu estas en unu familio. En la klubejo jam atendis Elsbeth Wielgus kaj Friedel Kogel kun kafo kaj kuko.

Poste ni amuziĝis per kvizo pri la urboj Schwerin kaj Hamburg. Montriĝis, ke la Schwerin-anoj pli multe sciis pri Hamburg ol inverse. Tamen, je nia bedaŭro, niaj gastoj jam frue devis revojaĝi al Schwerin, ĉar la posta tago estis normala labortago. Tostinte je nia kara Ellen ni finis la tagon.

# Paroliga Rondo

Wir haben eine Paroliga Rondo eingerichtet, um unsere Esperanto-Kenntnisse zu vertiefen und tüchtig sprechen zu üben! Alle, die dienstags am Abend mit uns üben wollen, sind herzlich eingeladen. Wir denken vor allem an Kursabsolventen, Selbstlerner und Wiedereinsteiger; aber auch wer gerade an einem Kurs teilnimmt, hat eine gute Gelegenheit, das Gelernte parallel zum Kurs einzuüben.

Damit jeder mitmachen kann, verwenden wir ein System, wo paarweise geübt wird. Das hat den Vorteil, daß sich jeweils nur zwei die Zeit teilen, und daß jedes Studienpaar den für sich passenden Lernstoff wählen kann. Als Abwechslung gibt es auch Aktivitäten im "Plenum".

**Interesse?** – Unsere Telefon-Nr. ist 0 40 / 58 71 82 (mit Anrufbeantworter).

***Wir freuen uns auf eifrige Mitlerner!***

*Irmgard Karst und Bodo Schneider*

Ni etabligis Paroligan Rondon por profundigi niajn Esperanto-konojn kaj multe ekzerci paroladon.

Ĉiuj, kiuj volas marde vespere ekzerci kun ni, estas kore invititaj. Ni celas precipe partoprenintojn de kursoj, memlernintojn kaj rekomencantojn; sed ankaŭ tiu, kiu momente partoprenas kurson, trovos bonan eblecon, paralele al la kurso ekzerci la lernitaĵojn.

Por ke ĉiu povu partopreni, ni uzas sistemon duope ekzerci. Tio havas la avantaĝon ke ĉiam nur du dividas inter si la tempon, kaj, ke ĉiu studparo povas elekti la taŭgan lernotaĵon.

Kiel alternativo ankaŭ ekzistas aktivaĵoj en "Plenkunsido".

**Ĉu Intereso?** – Nia telefon-numero estas 0 40 / 58 71 82 (kun telefon-respondilo).

***Ni ĝojos pri diligentaj kunlernantoj!***

*Irmgard Karst kaj Bodo Schneider*

# Nia nov-stila enigmo

**Klarigo:**
Oni trovu vortojn laŭ la priskriboj. La vico de literoj povas iri laŭ ĉiu rekta direkto: horizontale, vertikale, diagonale kaj eĉ retroe.

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| D | J | Ĉ | O | O | M | O | T | O |
| A | F | O | N | A | B | I | L | N |
| K | R | O | N | O | P | U | O | I |
| O | E | T | R | A | G | I | K | A |
| L | E | K | A | N | T | O | O | B |
| O | U | A | A | I | O | N | U | R |
| N | E | T | A | Ĝ | E | R | O | I |
| I | R | O | N | I | O | A | D | F |
| O | T | J | V | O | D | K | O | O |

## Jen la kaŝitaj vortoj ordigitaj laŭ longeco:

***3 literoj:***
valora metalo / en tiu kvalito / rimedo / ĝenerale: li aŭ ŝi / akompane / poemo / multe tiel

***4 literoj:***
subakva roko / sovaĝa celerio / Ĝermana litero / rilata al Talia aŭ Eŭterpe / tieo / geometria korpo / speciala, de certa grupo / tabelvorto: ĝin / birdujo / vestaĵo

***5 literoj:***
en arkta direkto / fariĝi membro / vivanta viando / oficejo / pola brando / Aŭstra ĉefurbo / endomaj muskaptantoj / multhara rabobesto / hejtilo / plektita ornamaĵo

***6 literoj:***
humura kontraŭ-aserto / japana sekto / mezorienta lando

***7 literoj:***
malkomika / bretareto / herbeja floro / konkerita lando

***8 literoj:***
ŝprucantaj akvoj

***9 literoj:***
kvarpinta faco

# Keglado

**La venontaj datoj:**
02.08.91 ★ 30.08.91 ★ 27.09.91
Informoj ĉe Elsbeth Wielgus.

# Esperanto en Radio

Ni verkis nian trian elsendon "Verda Stelo" pri la temo "Esperanto, la Eŭropa altlingvo" (germanlingve).
La elsondo okazos en *Offener Kanal* (UKW 96,0 MHz). La datoj estas:

| | | |
|---|---|---|
| Sabato | 03.08.91 | 14.15 h |
| Lundo | 05.08.91 | 10.00 h |
| Ĵaŭdo | 22.08.91 | 19.00 h |
| Vendredo | 23.08.91 | 12.00 h |

**Dum la ĵaŭda vespero eblos aŭskulti la elsendon en la HES-klubejo.**

*Irmgard Karst / Bodo Schneider*

# Nia programo 3/91

Klubejo malfermita ĵaúde ek de 19:00 h.
Programo ek de 20:00 h.
La Studrondo renkontiĝas sabate en semajnoj kun para numero je 14:00 h.

Klubhaus donnerstags ab 19:00 h geöffnet.
Programm ab 20:00 h.
Die Studrondo trifft sich sonnabends in jeder geraden Kalenderwoche um 14:00 h.

## Aúgusto

| | |
|---|---|
| 1 | Sen speciala programo |
| 8 | *Revenintoj el Bergen* raportas pri la **UK** |
| 10 | *Studrondo* |
| 15 | **Video-vespero** de *Hella Lanka* |
| 22 | *Rüdiger Sachs:* **Kial tiom da kvereloj pri la Esperantigo de propraj nomoj?** |
| 24 | *Studrondo* |
| 29 | *Walter Kahlert:* Diapozitivoj pri la **Universala Kongreso** |

## Septembro

| | |
|---|---|
| 5 | **Literatura vespero** *Hannelore Brunow:* **Herman Löns** |
| 7 | *Studrondo* |
| 12 | *Hella Lanka:* Diapozitivoj pri **München kaj Starnberger See** |
| 19 | **Lingvaj ludoj** |
| 21 | *Studrondo* |
| 26 | **Membro-kunveno: 20:00 h** Bonvolu vidi inviton sur **paĝo 3!** |

## Ekzameno

Sabaton, la 31-an de Aúgusto 1991 okazos ekzameno pri lingva kapableco en la klubejo de Hamburga Esperanto-Societo r. a.
**Komenco**: 9.30 h. **Preparaj vesperoj**: ĵaúde 18.30 h en la klubejo.

## Historiaj datoj

**1676:** Unua fajro-asekuro por 4.000 Hamburgaj konstruaĵoj.

**1861:** Petrolo kaj lampoj el Usono alvenas en la Hamburga haveno.

**1871:** Imperiestro Wilhelm II donacas 6.000 hektarojn da grundo al Bismarck (Friedrichsruh apud Hamburg).

# Diversaj temoj

## Prezoj kaj valoro

Oni diras ke tio, kio neniom kostas, neniom valoras. Estas nekredeble: La prezo indikas la valoron! En antaŭaj jaroj Esperanto-kurso en Hamburg kostis 40 markojn kaj post la tria leciono eĉ ne restis la duono de la lernantoj. Estas strange, ke post altigo de la kotizoj kreskis la intereso. Okaze de la 2a Inform-Borso pri klerigado ni ofertis specialan intensan kurson por 99 GM. Ni disdonis pli ol mil varbilojn, kaj el 10 interesitoj restis 6 kursanoj, kiuj efektive pagis. Do tiu kurso portis al ni 594 GM anstataŭ 240 GM (laŭ la malnova tarifo). Kune kun la manĝaĵoj kaj trinkaĵoj la malneta enspezo estis entute pli ol 1.000 GM. Laŭ tiu sistemo eĉ eblos estonte pagi instruiston, kaj per tio ebligi kursojn por ĉiuj interesitoj. La venonta semajnfina kurso okazos en Septembro. Komenco sabaton, 14.09.91, 14:00 h en la klubejo.

## Fotokopiilo

La Studrondo en Hamburga Esperanto-Societo proponis, aĉeti fotokopiilon por mem produkti niajn presaĵojn.
Gerd Tigges kaj Volker Kraeft de TIGGY-SOFT rekomendis, aĉeti tian tipon, per kiu oni ankaŭ povas fari divers-kolorajn kopiojn, kaj ankáu sciigis al ni, kie tia kopiilo ekzistas kaj kiom ĝi kostas.
Bonŝance ili havas kontakton al vendisto, kiu havas la deziratan kopiilon je favora prezo.
Ni decidis aĉeti ĝin. Tio ebligas al ni eldoni nian bultenon kolora.
La rezulton vi povas vidi jam en tiu ĉi eldono! Ni ne povas prezenti buntajn bildojn, ĉar por tio oni bezonas 4 farbojn kaj tre ekzaktan presilon (tro multekosta); sed ni havas 2 kolorojn. Tio signifas, ke niaj presaĵoj nun ne plu aspektas kiel simplaj fotokopioj.

# Opinio

## La interna ideo – ĉu ĝi ankoraŭ vivas?

Ludoviko Zamenhofo mem diris 1906 en sia fama kongresa parolado: "Al laborado por Esperanto instigas nin ne la penso pri praktika utileco, sed nur la penso pri la sankta, granda kaj grava ideo, kiun lingvo internacia en si enhavas. Tiu ĉi ideo estas frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj. Kaj en la DEKLARACIO li skribis: "Mi vidas en ĉiu homo nur homon, kaj mi taksas ĉiun homon nur laŭ liaj persona valoro kaj agoj. – Ĉian ofendadon aŭ premadon de homo pro tio, ke li apartenas al alia gento, alia lingvo, alia religio aŭ alia socia klaso ol mi, mi rigardas kiel barbarecon."
Ni ĉiuj havas, same kiel Ludoviko Zamenhofo, la altan celon de paco kaj interkonsento inter la poloj en harmonia mondo. Sed mi opinias, ke ni atingos tiun celon ne antaŭ ol ni estos atingintaj ĝin en nia malgranda mondo de niaj kluboj kaj societoj kaj asocioj. Sed tie ĉi ni ankoraŭ trovas multe da malamikaj emocioj, ekzemple malharmonion, malican babilaĉon, malkonfidon, maljustan suspektadon kaj eĉ malamon. Ĉio ĉi oponas kontraŭ la interna ideo de Esperantismo. Ni ankoraŭ devas iri longan vojon. Ĉiu en sia propra ĉirkaŭo, precipe en sia loka Esperanto-klubo, komencu la konstruadon de humana mondo. Nur tiel ni atingos la finan celon.

*Bodo Schneider*



# El la universitato

## Universitata Esperantokurso

Meze de julio finiĝis la tiusemestra Esperanto-instruado en la Hamburga universitato. El la dek-unu gestudentoj, kiuj registriĝis je la komenco de la kurso meze de aprilo, 9 studas lingvosciencon kaj po 1 fizikon kaj ekonomion. Tiuj lastaj du studentoj kaj unu el la lingvistikistoj restis fidelaj ĝis la fino de la dumsemestra Esperanto-lernado, kaj ilia lingvokono estas tiom bona ke ili facile kapablus partopreni ne nur kursfinan ekzamenon sed eĉ oficialan ekzamenon pri lingva kapableco de la Germana Esperanto Instituto.

*R. Sachs*

## Historio de la Esperanto-instruado en la Universitato de Hamburg

Baldaŭ post la fino de la milito, en 1950, d-ro Josef Weber sukcesis oficialigi la instruadon de Esperanto en la Hamburga universitato per kurso komisie de la universitata rektoro kiel "Studado Ĝenerala". D-ro Weber estis aŭtoro de instrukajeroj por Esperanto, uzeblaj ankaŭ por koresponda kurso. Certe tiu kurso ankoraŭ troviĝas en multaj bibliotekoj. D-ro Weber (tiutempe jam pensiulo-astronomo) ricevis propran laborĉambron en la universitato kun fenestroj alte sub la plafono, nome en la sudokcidenta turo de la ĉefkonstruaĵo en Edmund-Siemers-Allee 1.
En 1962 d-ro Werner Bormann transprenis la kurson, kaj d-ro Weber transloĝiĝis al Landshut kie li poste ankaŭ mortis. Pri la Esperantokurso okazis decida konversacio inter d-ro Bormann kaj la universitata rektoro: temis pri oficiale rekonita instrukomisiiteco kun mencio de la kurso en la prelegprogramo. En 1968/69 ŝanĝiĝis la universitata leĝo. Ekde nun, la universitaton gvidis "prezidanto" kaj forfalis la pozicio de "rektoro" – kaj kun ĝi la instrukomisio por Esperanto.
Post ioma paŭzo d-ro Bormann petis pri la revivigo de la kurso. Oni respondis principe favore, sed rifuzis "pro la neeblo pagi honorarion" kaj la universitato opiniis nedece postuli laboron sen pagi por ĝi. D-ro Bormann, estante ŝtatoficisto en la Ministerio pri Ekonomio kaj Trafiko – kun salajro de la urbo Hamburg – deklaris, ke li ne volis esti dufoje pagata de la sama urbo. Post tiu argumentita salajra rezigno, la faksekcio pri lingvistiko reoficialigis la instrukomision por Esperanto.
D-ro Weber ĉiam raportis pri 10 - 20 studentoj en siaj postmilitaj Esperantokursoj, poste estis inter 3 kaj 8 partoprenantoj dum semestro. La instruado okazis unue en salono en la universitata ĉefkonstruaĵo, poste en la "filozofoturo".
Ekde 1983, profesoro d-ro Rüdiger Sachs, membro de la sciencistaro de la Instituto por Tropikaj Malsanoj en Hamburg kaj docento en la Faksecio Zoologio de la universitato, transprenis la instrukomisiitecon por Esperanto en la kadro de la lingvistika fakaro de la Hamburga universitato (certe ankaŭ "senhonorarie").

*D-ro W. Bormann*



# Nia dua Infanfesto

La 25-an de Majo okazis nia 2-a infanfesto. La Krampa Teatro prezentis la *Virineton de Maro* en germana lingvo por ke la infanoj kaj la gepatroj komprenu ĉion. Komenco estis je la 14-a h. Je la 15-a h 9 infanoj kaj la duobla nombro de plenkreskuloj atendis la komencon de la ombra teatraĵo. Malgrandaj vizaĝoj onamitaj per restaĵoj de dolĉaĵoj kaj tomata saŭco timis pri la sorto de la malgranda marvirineto. Sen hezito la plenkreskuloj sin retrovis en sia infana tempo. Kelkaj el ili taksis la teatraĵon tro trista kaj brutala. Sed la infanoj konsolis ilin per la vortoj: "ĝi ja nur estas fabelo". – Tiom simpla estas la afero. La plenkreskuloj devus pli ofte aŭskulti al la infanoj.



**Grandaj kaj malgrandaj gastoj spektas la teatraĵon.** (foto: Burkhard Mohrig)

Anstataŭ la kutimaj kolbasetoj kun terpoma salato Gerd kaj Volker prezentis nove kreitan variaĵon de *Hamburger*. Post kiam ĉiuj estis sataj kaj iom ripozis, estis inspektita la Krampa Teatro. Kaj infanoj kaj plenkreskuloj miris pri la simpleco de la teatro. Iam oni aŭdis kantojn kiel *Hänschen klein* kaj aliajn, kiujn kantis la plej junaj. De la sonbendo bruis la orkestriono: *Gold und Silber...* kaj la plumoj de la ombraj fiŝoj svingiĝis laŭ la valso. Por infanoj ĉio estas ebla. Kontentaj adiaŭis infanoj kaj gepatroj je la 18-a h. Estas vere mirige, ke la plej multaj dolĉaĵoj "Negerküsse" estis manĝitaj de plenkreskuloj. Poste iu avino diris al mi: "Finfine mi ankaŭ ĉion komprenis!"

*Hannelore Brunow*



**Delia Pick kaj Hannelore Brunow kun kantanta infano post la teatraĵo.** (foto: Burkhard Mohrig)



# La historieto pri Minna kaj aliaj

"Benno, ĉu ĝi estas tiu?", mi vokis esperplena. "Hmh." "Ĉu ĝi funkcias?" "Ne jam, ankoraŭ ne. Mi devas konekti ĝin!" "Kiam, Benno?" "Morgaŭ." "Nu, bone. Hodiaŭ *mi* lavos la vazaron kaj morgaŭ Minna." Ravita mi rigardis kvadratan belan koloson antaŭ mi. Mia revo dum mia mastrina vivo. La vazarlavilo. Ne, la vazarlavistino! La venontan tagon mi aŭdis la liberigajn vortojn: "Hannelore, venu al mi, Minna



**La Ĥaoso dum la renovigado.** (foto: Benno Klehr)



**Hannelore Brunow kaj la akvumilo brilas.**
(foto: Burkhard Mohrig)

estas preta eklabori!" Kiel infano antaŭ kristnaska arbo mi staris antaŭ Minna kaj atenti aŭskultis la klarigojn de Benno, Gerd kaj Volker. "Kion vi ŝatas lavi?" Ek de tiu tempo Minna estis ŝarĝita per vazaro kaj lavpulvoro. Tiam okazis la granda momento: La ŝaltilo estis turnita kaj onon da sekundo mi havis la senton ke Minna palpebrumis al mi per ruĝa lampeto. Dum la venontaj tagoj nenio estis sekura je Minna kaj mi. Teleroj, tasoj, glasoj, manĝilaro, potoj, patoj, lampovitroj kaj eĉ florakvumilo, kiu apartenis al "Schmeiß" (forĵetaĵo), lumiĝis en nova brilo. Kiel Minna ricevis sian nomon mi ne plu scias. Kiel Minna, ankaŭ aliaj aparatoj havas propran historion.



**Volker Kraeft (ĉiam ridanta) amasigas meblojn.**
(foto: Hannelore Brunow)

Ĉu vi konas Karlchen? Ĉu ne? Tiam atentu: Dum jaroj ĉagreniĝas tiuj, kiuj en la klubejo volas suĉi polvon pri la polvosuĉiloj, kiuj ne bone funkciis. Gerd faris preskaŭ simian dancadon pri polvosuĉilo. Sabaton je la 13-a horo Gerd pene portis grandan pakaĵon, elpakis ĝin kaj – ĝojkrioj el kvin gorĝoj akre sonis tra la klubejo POLVOSUĈILO! Ĝi aspektis kva-

*Daŭrigo sur paĝo 12*



*daúrigo de paĝo 11*

zaú roboto R2D2. Malgranda ronda barelo. Mi atendis, ke ĝi pepu aú lumsignalu. Iu nomis ĝin "Karlchen" kaj ĉiu el ni karese frapetis ĝin, dum Gerd estis la heroo de la horo. Elsbeth ĝojegis terure.

Malgranda anekdoto pri Elsbeth kaj Karlchen: Burkhard dissegis tabulon kaj Karlchen, tenita de Elsbeth, ensuĉis la lignerojn. Elsbeth estis tiom kontenta pri la laboro de Karlchen, ke ŝi tute ne konstatis, ke ŝia subjupo glitis teren. Estis tre granda plezuro por Volker kaj Gerd, kiuj interrompis sian laboron por ne maltrafi la momenton de la fina falo.



**Burkhard Mohrig (maldekstre) kaj Benno Klehr mezuras la novajn ŝrankojn.** (foto: Volker Kraeft)

Ni sidis en grandega malordo inter farboj, ilaro, mebloj; la tuta ĥaoso. Sed sur nia manĝotablo brulis kandelo. Ni laboregis kiel frenezuloj. Dum semajnoj poste niaj dorsoj doloris, manoj ne volis malŝveliĝi kaj ungoj ne puriĝis. Sed, tio estas nenio kontraú tio, kion ni travivis. Ni, tio estas Elsbeth, Benno, Gerd, Volker, Burkhard kaj mi.



**Elsbeth Wielgus adiaúas la malnovan frostujon.**
(Foto: Benno Klehr)

Momente ni ne planas renovigi ion alian. Mi ne povas tute kredi tion. Restas ankoraú la duŝo, kaj la biblioteko ankaú devus esti ordigita. Mi tute certas, ke baldaú iu diros denove: "Mi havas ideon...".

*Hannelore Brunow.*



**Gerd Tigges farbanta la necesejojn.**
(foto: Benno Klehr)